43 Num. Madrido - Septembro-Oktobro - 1920 IV Jaro.




ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„

S-roj Sanabra, Soler, S. Esvertit, Julivert, Marré, A. Esvertit, Milá, Bassa, S. Martorell. F-inoj Ramón, Trillas. S-roj P. Esvertit, Sonet, Guitart, J. Martorell. F-inoj Mercadé, Aragonés, Julivert, Sanabra, Romeu, Poch, Toldrá, Salvó, Mercader, de la Grupo *Frateco* de Vendrell

# Antido, Lingvo Kosmopolita, Lingvo Esperantida

La sviso René de Saussure estas la elpesinta de la supraj nomoj. Li estis direktoro de la grava Internacia Scienca Revuo, kies lasta numero de Septembro de 1910 enkavis «La logika bazo de vortfarado en Esperanto.»

Saussure publikigis Antidon kiam Ido aperis kaj ĉiuj pensis ke li celis kontraŭ Idon, sed li nun klarigas, ke tiaj pensoj estis parte eraraj. En 1910 li publikigis Antidon dua kaj la koncernajn Gramatikon Ekzercaron kaj Krestomation sed ne Vortaron ĉar li adoptis la esperantan. De tiam li ofte subskribis siajn artikolojn per «Antido». Li tradukis en Antidon la verkojn Aline kaj la Devo.

Ŝajnas ke Saussure ripozas inter la jaroj 1910 kaj 1913 ĉar li prezentas nenion nova.

En 1913 li ekpublikigas la gazeton «Lingvo Kosmopolita» kiu daŭris la tutan jaron. Antido provis en ĝi kelkajn antidajn reformojn kaj li venis al la jenaj konkludoj.

Esperanto estas parole pli facila kaj perfekta ol Ido. Oni ne devas reformi Esperanton, sed oni devas ŝanĝi ĝian ortografion kies ŝanĝo, laŭ li neniel estas reformo de lingvo. La tiamaj ĉefaj ŝanĝoj proponitaj de li estis: la forigo de la sursignitaj literoj por faciligi la presadon kaj la anstataŭigon de la k per c por plilatinigi skribe radikojn devenantajn el la latina lingvo. Antido celis krei Societon por enkonduki tian ortografion, sed li malsukcesis.

En 1918 li aperigis la «Teknika Revuo» por eksperimenti tiajn ortografiajn reformojn, sed en Novembro ekeldonas la novan gazeton «Internacia Lingvo Esperantida» ĉar estis malmultaj kiuj abonis la gazeton «Teknika Revuo».

Per la antaŭo oni konkludas, ke Saussure estas ĉiam laborema, malkvieta kaj variema.

Li defendas siajn reformecajn tendencojn per la formulo, ke li provas reformojn nur por la okazo ke alvenu la epoko de reformo supozita de Zamenhof en lia fundamenta antaŭparolo. Li tamen en du okazoj almenaŭ prezentis skismojn tute difinitajn ĉar Antido dua kaj Esperantido estas prezentitaj kiel lingvoj internaciaj. Sanssure vidis ke Antido 2.ª tute malsukcesis kaj mi esperas, ke li nun vidos saman kaj rapidan malsukceson de sia Esperantido.

Saussure plendis kontraŭ la esperantistojn kiuj neniam volis aboni liajn gazetojn, ago logika kaj prava ĉar li ĉiam skismis. Se li estus aperiginta gazeton tute ortodoksan, li estus havinta sufiĉajn abonojn por ĝia subteno.

Diversfoje mi skribis kontraŭ la reformemon de Saussure kaj de aliaj. Eble konvenus, laŭ Cart, tute silenti pri ili kaj daŭrigi nian vojon. Ili tamen foje profitas tian silenton kiel aprobon kaj de tempo al tempo decas protesti.

Multaj okupis longan tempon antaŭ Zamenhof por elpensi lingvon internacian kaj neniu povis krei eĉ la plej rudimentan lingvon.

Zamenhof elpensis Esperanton kaj tiel perfekta estas la lingvo, ke ĝi traflugis la tutan mondon kreante pionirojn—kaj poste gravegajn ĉiuklasajn grupojn, gazetojn, k. t. p. Ĝiaj internaciaj kongresoj mirigas eĉ la plej skeptikajn.

Zamenhof profetis, ke oni elektos Esperanton kiel internacian lingvon, en la nuna formo aŭ iom ŝanĝita kaj per tio li determinis al ĉiuj lingvuloj la vojon, kiun ili nepre sekvos se ili celas formi internacian lingvon. Se Zamenhof kaj la Esperantistaro tute rifuzadas akcepti reformojn estas tial ke neaŭtoritataj nesciuloj aŭ apartaj personoj volas ilin enkonduki eĉ sen grava studo.

En la Komitato kiu decidis «Adopti Esperanton kun la modifoj de Ido» estis malmulte la esperantistoj kaj oni povas aserti kun malgranda eraro, ke du el ili estas kiuj altrudis tian decidon al la neklera pri Esperanto komitato kaj celis altrudi ĝin al la tuta Esperantistaro; kaj el ili, unu sola estis sufiĉe bona Esperantisto, pli fiera ol grava.

Saussure prezentis antaŭe Antidon duan kaj nun Esperantidon kaj ambaŭokaze li estas sole celanta trudi reformojn. Vere estas, ke li prezentas eĉ akademion post si, sed certe tio estas ornamaĵo.

Ido, Antido kaj similaj postvenintaj lingoj estas nerajtaj nomi sin honeste internaciaj, ĉar krom enhavon da Esperanto ili havas neniom inda.

Por teoria projekto sufiĉas Ido en kiu la vortoj estas ĉiutage ŝanĝataj, modifataj laŭ la personaj idistaj ŝatoj kaj eĉ por plaĉi al la neesperantista publiko.

Saussure en sia esperantida unua numero titolas la unuan artikolon »Jetila estas la sorto» kvazaŭ li ekludus gravegan rolon per sia projekto, sed en la tria numero iom ŝanĝas la tonon kaj bedaŭras la skismon de Ido, ĉar konvenus prezenti al baldaŭa okazonta «Monda Kongreso de la Internaciaj Asocioj unu solan internacian lingvon.

La tuta Esperantistaro bedaŭras tion kaj konsideras tute maltaŭga la Antidan procedon, intenci novan skismon por forigi la ekzistantan.

La Esperantistaro estas konvinkiĝinta, ke per reformoj oni iras al ĥaoso kaj per harmonio al la triumfo kaj forrifuzos ĉiujn reformemulojn jen ili sin prezentos kiel Beaufront antaŭe tute konservativaj, jen ili estos senripoze reformistoj kiel Saussure.

Se Saussure, sincere deziras la enkondukon de lingvo internacia, li devas forlasi ĉiujn reformojn kaj reveni senkondiĉe al Esperanto kie estas granda kampo por sia laboremeco. Mi ankaŭ estas certa, ke oni akceptos lin kun plezuro.

*Víctor O. de Allende*
Ŝtata Vojinĝeniero

---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

## Alvenu, Muzo!

Hodiaŭ mi alvokas mian muzon,
kaj ne malgranda estas mia peno
por vidi ĝin kun tre dolĉa mieno
preta doni l' inspiron kaj l' amuzon.

Ĉu ĝi montros al mi sian ĵaluzon
eble kun malestim' kaj abomeno?
Ĉu falis ĵus min ia malbeno?...
En mia cerb' mi trovas nur konfuzon!

Ĉu mi verkos pri temo poezia?
ĉu pri legendoj? ĉu pri historio?
Mi verkos pri afer' filozofia...

Ne!... Pri kio mi verkos? Mia Dio!
Tute forlasis min la muzo mia!
Pri kio ja mi verkos?... Pri nenio!

*Rafael de San Millán*

---

# GRAVA SUKCESO
DE
# Brita Esperanto Asocio

La Brita Esperantistaro, kun deziro honori sian Prezidinton amatan, Bolingbroke Mudie, kiu mortis dejorante en Francujo dum la granda milito, la 30.an de Januaro de 1916, ankoraŭ tre juna (trideksesjara) kaj promesanta eĥkan agadon por Esperanto, kolektis kelkajn milojn da spesmiloj por eldoni «Libraro'n Harold Bolingbroke Mudie», kaj la sukceso ne povis esti revata pli granda: «Vivo de Zamenhof» de Edmond Privat, de la talenta klera kaj amata pioniro de Esperantujo.

Eksteraĵo de la libro (20 × 14) estas tre alloganta; la teksto (204 paĝa), kun multenombraj fotografajoj, bela kaj senerara kompostado sur luksa papero, simpla, pura, belsona... mirinda, estas vera monumento de nia literaturo, kaj por ĉiuj, ksentas enradikigita firmege *internan ideon* en la profun-

do de la koro, jen tio, kion mi skribis al la aŭtoro, jus mi leginte la libron:

«Entuziasme, de emocio en emocion, sen interrompo, mi legis vian verkon, «Vivo'n de Zamenhof»; kaj multfoje dum tralegado mia koro kuntiriĝis kaj tuj reampleksiĝis, tiel, kiel avida je pli granda kavaĵo, ol tiu en kiu ĝi funkciadas, kaj tiam mi sentis supreniri al miaj okuloj speciala fluo eliranta el ili je larmoj: via verko estas *Sankta Libro* por Zamenhofanoj (Homaranoj). La Majstro karega starigis de la unua momento, kreinte la lingvon, neŭtrale homan religion, kiun ni devas nomi *Zamenhofanismo* kaj ne *Homaranismo*, tial ke Li estis la nova Mesio, kaj, se ne sur kruco, ankaŭ oferita, kaj ni ĉiuj, kiuj vidas estontan Homaron, kiuj deziras Homaron, kiel Li deziris, rajtas de nun Lin konsideri tia, kiel estontaj generacioj Lin konsideros, ĉar Li rompis la katenojn sklavigantajn homojn, per Lia lingvo.»

Nur mi volas ion rimarkigi al la aŭtoro: ne estis «Hispana samideano» kiu «represigis» la broŝuron pri «Homaranismo», nek la redakcio de «Homaro» estis ĉe S-ro A. Thonney (paĝo 170 de la libro). Iam, tri intimaj amikoj kaj kunlaborantoj pri homamaj celoj, fervoraj je Esperanto, decidis apliki la lingvon por tiuj homamaj celoj kaj fondis la poŝgazeteton «Homaro»; la tri amikoj estas S-ro Emilio G. Linera (mastro de humila presejo), S-ro Fernando Redondo (hodiaŭ staba majoro) kaj mi. Malbone ni redaktis unue la gazeteton, sed malgraŭ la malkorekta uzado de la lingvo, ni aŭdigis nin, kaj jupli la tempo pasis, des pli grandiĝis amika rondo dum iom post iom ni progresadis en la lingvo. Al «Homaro» venis kelkaj progresemaj Asocioj, sed ne monrimedoj necesaj por ĝin subteni, kaj tamen, ĝi vivis, ĉar estis por la tri kvazaŭ peco el nia koro, ĝis eksplodo de la monda milito.

La brueto kaŭzita de «Homaro» alvenis al la karega Majstro, kaj Li honoris la triunuon akceptante «Homaro'n» por publikigi «Deklaracio'n pri Homaranismo», kaj poste ni helpis la eldonon, kaj la amata Majstro nur pagis malgrandetan sumon pro l'papero por kelkaj miloj, ĉar ankaŭ la tri pagis tiun por aliaj miloj.

«Vivo de Zamenhof» kostas *tri ŝilingojn* kaj Esperantistoj devas alkuri al Brita Esperanto-Asocio (17, Hart Street. London. W. C. 1) por havigi al si la posedindan libron.

Jen iuj paragrafoj:

«Kiam el reallernejo Bjalistoka li transiris al ĉefurbo pola kun gepatroj, Ludoviko Zamenhof eniĝis gimnazion varsovian por klasikaj studoj. Historion oficialan lia klara komprenemo trapenetris ĝis la funda vero. Pri militoj kaj lertaĵoj politikaj temis ja la tuta instruado. Ne nur en litva lando malfeliĉa, la gentoj sin malkonis kaj malamis reciproke. Ne nur tie floris la incitoj anonimaj. Ĉe potencaj ŝtatoj registaroj zorgis tion. De centjaroj ili jam kutimis gvidi la publikan opinion kontraŭ unu aŭ alia gento, laŭ la celoj politikaj de l' momento. Dum paflegoj fabrikiĝis, jam laboris gazetistoj, parolistoj, eĉ poetoj ŝovinistaj, por formi senton ĝeneralan.

«Agentoj oficialaj disvastigis ĉie rakontaĵoj, suspekton kaj ekscitou. Per bildoj kaj presaĵoj ili tuŝis korojn de l' virinoj, vekis la indignon de l' popolo, kreis eĉ koleron — ĉion nur por preni peceton de lando aŭ afrikan kolonion. Eksplodis milito. Amase falis junaj viroj. Funebris la virinoj. Mizeris loĝantaro de vilaĝoj detruitaj. Paco fariĝis. La ŝtato perdis cent mil homojn proprajn, kaj aneksis kvindek mil nigrulojn. Gloras generaloj, bruas tamburoj, sonas muzikoj. Mirinda la sukceso. La venkita ŝtato petas aliancon. Jam finiĝis incitado. De nun vida la bonaĵojn, kaj forgesu ciujn pekojn! Sed amiko jam malnova ekjaluzas, postulas «kompensaĵon». Kontraŭ tiu nun ekmarŝu la impresmaŝino, kaj ĉio same rekomencu!... k. t. p.

»En genia cerbo de junulo disvolviĝis tiu bildo kun precizo frapa. Rompu, rompu murojn inter la popoloj! pensis knabo Zamenhof. Ili estas ja lulilo en la manoj de gvidantoj anonimaj. Ĉesu malkompreno pro nekono reciproka! Nur intrigantoj ĝin pro-



Kolonaro de la antikva Galerio de la Korto
(San Juan de la Peña)

fitas. Nacioj devas mem kontroli la eksteran mastrumadon. Ili devas mem rilati kun ceteraj. Ĉesu monopolo de kelkaj malpaculoj! Nur de nescio tenas ili la tutpovon. Falu muroj, ili falos kune. Nur en mallumo vivas la vampiroj. Brilu suno, ili malaperos.»

.........................................

.........................................

«Pri laboristoj, pri malriĉaj homoj penantaj tutan tagon, gimnaziano Zamenhof pensadis pli kaj pli. En rondo familia li ŝatis legi laŭte el versaĵoj de poeto rusa Nekrasof, antaŭmajstro de Gorki. Pri klopodoj kaj suferoj, pri malbelaj domoj, kie morto kaj mizero dancas kune, kantis la verkisto plej ŝatata. Dum tuta vivo Zamenhof amis la popolon laboreman kaj preferis loĝi en kvartaloj ĝiaj for el mondana societo.

»Tiuj homoj estas fine la oferoj ĉefaj de l' incitoj intergentaj. En okazoj de buĉado ili ĉiam unuarange devas pagi per sango sia kaj trankvilo. Tra tuta mondo malriĉuloj ja sopiras al paco kaj progreso. Kiam ili vespere, lacaj, revenas al hejmo griza, ilia penso serĉas al lumo, ilia sento revas al manoj por premi frate en la siaj trans maroj kaj ŝtatlimoj «Laboristoj ĉiulandaj unuiĝu!» baldaŭ poste jam fariĝis devizo de l' amasoj. Sed muroj staras inter ili, dikaj, altaj, ĉefe lingvaj. Rompu, rompu tiujn murojn! pensadis juna Zamenhof. La lingvo helpa de l' homaro devas esti por ĉiuj facila. Rapido, logiko devas regi ĝian fundamenton.»

.........................................

.........................................

«Malriĉe loĝis la junulo. Per lecionoj li gajnetis iom. Sed malfacile juna hebreo trovas eĉ okazojn por instrui. Ankaŭ li verkis iom por gazeto, la *Moskovskie Viedomosti.* Hejme la gepatroj time zorgis. «Nur dek naŭ rublojn mi elspezas en monato», li skribis por ilin trankviligi. Sed kiel li sin nutris.

«Konscience li studadis medicinon. Ankaŭ li kliniĝis siavice super korpoj de mortintoj en ĉambrego dissekca. Simpatie li malkovris la internan meĥanismon de la homa formo. Eĉ tie lin sekvadis lia revo. Ĉu ne similaj estas ĉiuj homoj, kun samaj organoj, samaj bezonoj, samaj timoj kaj deziroj dum la vivo? Ĉu lingvaj aŭ koloraj diferencoj ŝanĝas tion? Malkono inter gentoj devus ĉesi.

»Li plenumis tamen la promeson. «Por pensadi pri homaro, atendis kelkajn jarojn!» sonis admono patra.....................

.........................................

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# PAROLADO

## DE S-RO. ANGLADA PRIOR

*(Daŭrigo)*

La alia kvalito, kiun ĉiu esperantisto devas posedi, estas la neŭtraleco; feliĉe, jam la plej multo da Esperantistoj konsideras, ke Esperanto estas la afero plej inda, kaj ili preterlasas la bagatelojn por fervore sin dediĉi al ĝia propagando; sed, domaĝe por Esperanto, estas multaj Esperantistoj, kiuj ligas ĝin kun siaj privataj ideoj, kaj tio malutilas la propagandon. Mi eltiras la jenajn vortojn el la «Deklaracio pri neŭtraleco de la Kongresoj de Esperanto», unu el la dokumentoj, kiu pli bone montras la neceson de la senpartieco por la disvastigado de Esperanto:

«La Komitato elektita en Boulogne por organizi la duan Kongreson zorgis, de la komenco, por ke tiu kongreso estu malfermata al ĉiuj personoj, kiuj povas esti nomataj Esperantistoj, laŭ la Deklaracio de Boulogne pri la esenco kaj neŭtraleco de Esperanto, t. e. al «ĉiuj pesonoj, kiuj scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kia celo ili ĝin uzas.

»Aliparte, certe estas, ke la ĝenerala alpreno de helpa lingvo internacia, havos, eble nur post longa tempo, gravajn kaj tre fruktoportajn konsekvencojn por la vivo de la popoloj, en la politika religia kaj sociala kampoj.

»Tiu vero inspiris de l' komenco nian



Tombejo Romanstila de Aragonaj Nobeluloj
(San Juan de la Peña)

majstron, D-ron Zamenhof, kaj ĉiam subtenis lin dum la malfacilaj bataladoj kaj oferoj, el kiuj konsistis lia tuta ĝisnuna vivo. Tiun saman ideon li prezentis al la mondo en la famaj poezioj, kiujn ĉiu esperantisto konas kaj admiras.

»Sed certe estas ankaŭ, ke tiuj konsekvencoj estas atingeblaj nur per grandaj aliformigoj de la nunaj institucioj kaj moroj. Pri tiaj ŝanĝoj oni povas opinii tre divermaniere, kaj ilia nuntempa esploro povus do naski nedezirindajn diskutojn kaj malkonsentojn inter la esperantistoj, kies ĉefa bezono estas unueco, por la venko de ilia kara lingvo.»

Kiajn gravajn konsiderojn povas naski ĉe ni tiu ĉi gravega dokumento! Do, ni pripensu ĝin kaj per ĝi ni nin gvidu en nia agado, ne forlasante Esperanton pro sensignifaj bagateloj, ĝis ĝia definitiva triumfo. Se ĉiu agus tiel, la venko de Esperanto estus certe tre proksima, kaj post la atingo de nia celado, tio estas, ke ĉiu homo en la tuta mondo konu Esperanton por povi sin interkompreni kun alilandanoj, ĉiu povus repreni sian emon aŭ laboron disponante je nova ilo, kies valoro estas nekalkulebla, kaj kiu certe multe helpus liajn bonajn projektojn. Oni devus konvinkiĝi, ke la ĉies dediĉo dum ioma tempo al la studado kaj al la propagando de Esperanto, ja pagus la penon, ĉar estus unu el la plej grandaj benoj iam atingeblaj.

Alia pruvo pri la neŭtraleco de Esperanto estas la vortoj sekvantaj, kiujn mi eltiras el la Deklaracio pri Esperantismo, akceptita de nia Unua Universala Kongreso (jaro 1905):

»La Esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu «ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn», donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj. Ĉiu alia ideo aŭ espero, afero pure *privata*, por kiu la Esperantismo ne respondas.»

Kaj jen mi demandas al mi kial ne ĉiuj homoj volas veni labori sur la kampon de lingvo internacia« Ĉar eble pro iaj eraroj en nia propagando, ni ne prezentis nin kiel vere neŭtralaj. Ni, do, devas memori la respekton, kiun havis nia Majstro por ĉiuj ideoj, kaj tiun saman respekton al ĉiu kredo havu ni.

Kaj la lasta kondiĉo havinda de ĉiu Esperantisto, estas la laboremo, ĉar, kio estus fariĝinta nia afero, se ne estus estinta la laboremo kaj sinofero de la Esperantistoj? ĝi jam de longe estus mortinta kaj enterigita. Ni, do, laboru sed ankaŭ al tiu ĉi afero estas aplikinda la suprecitita principo de konstanto. Ni ne faru klopodegon momente, por poste povi dormi dum multaj tagoj. Kontraŭe, ni devas esti persistaj kiel eble plej, imitante ĉe tio la guton, kiu «konstante frapante traboras la monton granitan». Kamaradoj, ni do estu laboremaj, sed ni havu organizadon, ĉar alie granda parto de niaj laboradoj perdiĝus senfrukte. Ni nun estas preparante Kunvenon Diskutantan por la restarigo, aŭ pli bone, por la revivigo de la esperantista movado de nia lando. Volu Dio, ke ni povu alveni ĝis la fino de nia celado, kaj kiam ni estos reorganizitaj kiam ni havos ĉi tie la necesajn konstantajn instituciojn por enkonduki Esperanton en ĉiujn fakojn de la praktika vivo, kiam ni ne havos jam ĉi tie ion por fari, ĉar la definitiva triumfo de nia idealo dependas ĉie precipe de la eksterlandanoj, eble ni povos nin turni al ili, rajtigitaj per nia propra konstanteco, kiu superos tiun de nia latina raso, kaj proponi al ili rimedon por enkonduki Esperanton kaj Esperantismon en la tutan mondon kun la plej malgranda kvanto da tempo, ĉar estas bone, ke ni laboru por niaj pranepoj, sed ankoraŭ estus pli bune, se ni povus vidi almenaŭ, se ne rikolti, en nia ĝardeno, la unuajn fruktojn de nia dumviva laborado.—Mi finis.

# XIII Universala Kongreso de Esperanto

## 1921

## EN PRAHA (ĈEĤOSLOVAKUJO)

Gesamideanoj!

Laŭ la decido de la XII.a en Haag la XIII.a Universala Kongreso de Esperanto okazos en aŭgusto 1921 en Praha.

Ĉeĥoslovakaj gesperantistoj ĝoje salutante tiun ĉi decidon plezurege faros ĉion eblan por la plena sukceso de la manifestacio de Esperanto en la Ĉeĥoslovaka respubliko.

La jus konstituiĝinta loka komitato jam komencis siajn preparajn laborojn esperante, ke ĝi trovos kunhelpon de la tutmonda esperantistaro por povi brile plenumi sian grandam honoran taskon.

Ni petas ĉiujn niajn geamikojn jam de nun fari ĉion necesan, por povi partopreni la XIII.an, kaj instigi la aliajn por kunesti. Disvastigu la konon pri la naturaj belaĵoj de la venonta kongresurbo Praha kaj Ĉeĥoslovakujo, kie la esperantista movado estas de longe tiel vigla!

Invitante Vin sincere en la belegan historian ĉefurbon de nia renovigita ŝtato ni esperas ke Vi grandnombre partoprenos la kongreson kaj estos kontentigitaj per nia laboro.

Ĝis la revido en Praha!

Loka kongresa komitato.

I, sciigo:

La 29.an de septembro 1920 en la komitata kunveno de la Ĉeĥoslovaka Esperanto-Asocio, Esperantista klubo kaj Rondeto de Esperantistinoj oni elektis jenan lokan por kongresan komitaton:

Preszidanto, Eiselt, eksgimnaziestro; vicpreszidanto 1.e Kraus, magistrata oficestro; vicpreszidanto 2.e F-ino Ŝupicková, instruistino; ĝenerala sekretario, Pitlík, komercministeria komisario; sekretariino, F-ino Dlouha, oficistino de ŝtataj fervojoj; kasisto, Novák, horloĝisto. Por la «Verda Stelo» estis elektita MUDr Bischtizky.

Sekciestroj: financa, Hromada, oficisto; 2, propaganda, Bouŝka, urba oficisto; 3, presa, Weiner, redaktoro; 3, loĝiga, F-ino Moudrá, instruistino, 5, por distraĵoj, F-ino Hlaváĉová, instruistino; 6, aranĝa, Lukáŝ, studento de la universitato. Revizoroj: D-ro Kohout, landa ĉefkonsilanto, kaj Vondruŝka, landa revidento.

Ĉiun korespondadon kaj aliĝojn oni sendu—por respondo respondkuponon aŭ afrankon en naciaj poŝtmarkoj—al: Augustin Pitlík, Praha III.—Nerudova ul. 40.



# BIBLIOGRAFIO

La sperta Akademiano S-ro Ed. Kühnl havis bonan ideon eldonante libreton (75-paĝa), kiun oni povas konsideri la plej taŭga por legado ĉe kursoj esperantaj. S-ro Kühnl arigis sub titolo «Vortoj de Zamenhof» kelkajn verkojn de la Majstro: La Espero. - Letero pri la deveno de Esperanto.—Paroladoj en la I-VIII internaciaj Kongresoj.—Parolado en la londona Guildhall.—Cirkulera letero al ĉiuj Esperantistoj kaj Deklaracio pri Esperantismo.

Ĉi tiu posedinda libreto, inda je aĉeto de ĉiuj lernantoj, rekomedinda de profesoroj,

estas havebla ĉe la eldonisto, strato Lista, 67, Madrid. Konsulejo de la Respubliko Ĉekoslovaka. 11 specimenojn *dek pesetojn*.



*La Rozujo Ĉiumiljara.*—Tiel estas titolata belega rakonto de la usona verkistino Mabel Wagnalls, angle verkita de ŝi, kaj tradukita esperante, de Edward S. Payson, Prezidanto de Esp. Asocio de Norda Ameriko. La traduko estas sufiĉe bone farita, sed bedaŭrinde entenas kelkajn neoficialajn vortojn.

La fundamento de la rakonto estas legendo pri rozarbeto kreskanta en *Hildesheim*, inter kies branĉoj plenaj je blankaj rozoj staris antaŭ ol mil jaroj la patrino de Jesuo. Pentristo inspirita de tiu legendo skizas verkon, kaj por tio ĉi lia modelo pozas kvazaŭ Madono inter branĉo, de la rozarbeto kreskanta en la ĝardeno de monaĥejo, dum monaĥoj preĝadas. Malsana monaĥo deziranta preĝi antaŭ morti apud la sankta rozarbeto, penade rampas al ĝardeno je la momento de la skizado, kaj rimarkante la modelon li kredas je miraklo kaj ekkriante falas senkonscie. La ekkrio de la malsanulo surprizas la pentriston kaj la modelon, kaj tial ke la regularo de la monaĥoj malpermesas ĉeeston de virinoj ili forkuras el la monaĥejo, ŝi ŝanĝinte Madonan kostumon per la knaba kostumo, kiu faciligis al ŝi la eniron.

Flegita la malsanulo, rakontas rekonsciiĝinte la miraklon kaj profetas, ke la rozarbeto tuj floros. Li mortas. La rozarbeto floras. Novajo pri nova miraklo flugas ĉien.

La modelo ridas pri la miraklo kaj decidas elkaŝi la veron al la prioro kaj vizitas ĉi tiun. La vizito pentigas ŝin; ŝi forlasas la pentriston kaj fariĝas bonulino apud sia filo. Hazarde, iam, alia pentristo juna ŝin trovis, kiam ŝi zorgas blankajn rozojn de rozarbeto en sia ĝardeno, kaj li petas je ŝi daŭrigi la pozon por skizo. Jam en Parizo la juna artisto triumfas per la verko kaj invitas la pozintinon vojaĝi al Parizo; ŝi rifuzas, ĉar ŝi deziras vojaĝi nur al *Hildesheim*, al sankta rozarbeto. La antikva pentristo amiko de la juna, avida je aventuro kaj intrigita, vojaĝas al la vilaĝo de la rifuzintino. Alveninte, li miras; li renkontas sian modelon, sian amitinon. Ili vojaĝas al sankta rozarbeto kaj li ankaŭ pentas.

La verko, bele eldonita, estas 48 paĝa, 12 1|2 × 17 1|2, prezo 35 cendoj havebla ĉe Ernest F. Dow.—*West Newton*. Mass, Usono.



*Ok Noveloj.*—Ĉi tiujn noveletojn angle verkis Arnold Bennet kaj tradukis esperante Alfred. E. Wackrill. Formas la «ok noveloj» libron 124 paĝa, 12 × 18 1|2 kun leginda teksto bonstila, eldonita de la Brita Esperantista Asocio (17, Hart Street, W. C. I London). Prezo: DU ŝilingoj.

La Brita Esp. Asocio ankaŭ eldonis 24 paĝan libreton (14 × 21) entenantan la jenajn teatraĵetojn por la infanoj: «Cindrulino'n» (3 scenoj), «Neĝblankulino'n kaj la Sep Viretoj» (5 scenoj, «La Dormanta'n Belulino'n» (3 aktoj), «Belulino'n kaj la Besto'n» (2 akttoj-Premiita en la IV.aj Floraj Ludoj de Kataluna Esperantista Federacio), «La Perfido'n de Lilio (monologo) kaj «La Perdita'n Rubando'n» (monologo). Ĉi tiu libreto estas havebla po *unu* ŝilingo ĉe la dirita Asocio. Verkis Louise Briggs.



*La Kvakerismo.*—Estas mallonga skizo pri la historio kaj kredoj de la Religia Societo de Amikoj, populare nomataj «Kvakeroj». La broŝuro estas 16 paĝa (12 × 18) eldonita de la «Friends» Council For International Service, Ethelburga House, 91, Bishopsgate, London. E, C. 2; havebla po *du* pencoj.

Corder Catchpoul verkis ĝin esperante per simpla bela stilo. Interesa estas la verketo koniganta Societon de kristanoj revivigantaj la spiriton de la unuaj kristanoj, sen pastroj, sen konstruaĵoj sanktigitaj por la kunveno kaj adoro, sen fiksita liturgio,

sen ellaborita kredkonfeso por enkatenigi la veron; koniganta kristanojn konsciantajn ke *tuta vivo estas* adoro. Ĝi pritraktas «Paco'n», «Socia'n Serv'on», «Misia'n Laboro'n Alilande», «Kvakeroj'n dum la Milito», «La Monda'n Milito'n» kaj «Rekonstruado'n».



# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Barcelona.**—«Esporantanaro Fajro» laŭ decido en kunsido okazinia je Septembro alprenis:

I.e Aliformigi la Grupon je Societo kun plena organizo, kaj nomi ĝin «Barcelona Esperanta Societo».

II.e Doni konstantan opogadon al organizantoj de la II.a Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj, okazonta en Zaragoza, dum aŭtuno proksima.

III.e Starigi, kiel dependan organon de «Barcelona Esperanta Societo», komercan informejon uzantan Esperanton por akiri sciigojn el diversaj landoj.

IV.e Komuniki tiujn decidojn al gravaj korporacioj, Esperantistaj Grupoj, Komercaj Ĉambroj, Revuoj, k. t. p.

V.e Doni efikan apogon al la Esperanta kurso, gvidota de D-ro Claudio Planell en la Barcelona Universitato.

Oni elektis la jenan Komitaton: Prezidanto, S-ron Jozefo Serrat; Vicprezidanto, S-ron Jozefo Anglada; Sekretario, S-ron Francisco Gorgues; Vicsekretario, S-ron Johano Blanch; Kasisto, S-ron Petro Mayol; Kalkulisto, S-ro Ludoviko Batet.

Ĉi tiu nova kaj forta Societo ekagadis efike kaj grava jurnalo helpas ĝian agadon, kiu certe donos gravan sukceson al Esperanto.

La Grupo «Nova Sento» pro sia granda progresado fariĝis Esperantista Societo «Nova Sento» kaj elektis la jenan komitaton: S-rojn P. Martínez, Prezidanto; J. Bolós, Vicprezidanto; F. Pérez, Sekretario; J. Corominas, Vicsekretario; S. Vives, Kasisto, J. Gaya, Kalkulisto; M. Gil, Bibliotekisto, kaj M. Peyró, P. Vives, V. Marín kaj B. Zanón, Voĉdanantoj.



**Vendrell** (Tarragona).—La Grupo Frateco elektis novan komitaton: S-ron Salvador Martorell, Prezidanto; S-ron Ramón Bassa, Sekretario; F-inon Herminia Romeu, Kasistino; F-inon Lola Ramón, Bibliotekistino: F-inojn María Poch, M.a Antonia Toldrá kaj Angelina Martorell, Voĉdonantinoj.

Oni decidis interesigi urban konsilantaron kaj societojn de Vendrell por ke ili helpu la aŭstriajn infanojn; kaj malfermi liston specialan sur la urba jurnalo «El Baix Panadés» por kolekti monon de geinfanoj kaj starigi nur 0,10 kiel solan kotizajon kaj publikigi nomojn de la infanoj kotizontaj.

Klasoj okazas lundoj, mardoj merkredoj kaj vendredoj sub gvidado de F-ino M. Julivert.



**Zaragoza.**—Ĉi tieaj Esperantistoj varme kaj entuziasme ekagis por okazigi la Duan Diskutantan Kunvenon de Esp. de Iberiaj Landoj, kaj ĝin sukcesigi. Ĉiuj hispanaj Es-

perantistoj devas helpi la laboron kaj estas petataj almenaŭ aliĝi al la Kunveno; tial, ili sin turnu al S-ro Manuel Maynar, Advokato, strato Cerdán, 8. Kursoj komenciĝis.



**Huesca.**—La Nacia Instruisto S-ro Artigas ĵus rekomencis Esperantan laboron en ĉi tiu urbo kaj gvidas kurson.



**Bilbao.**—S-ro Nicolás Lázaro gvidas kurson por kvardek lernantoj en la Socialista Societo, kaj S-ro Pedro Jozifek ankaŭ gvidas kurson por tridek lernantoj en apuda vilaĝo *Basauri*.



**Jaca.**—Baldaŭ S-ro Mangada malfermos kursojn kaj eble unu el ili estos por fari saman eksperimenton kian oni faris en *Eccles* (Anglujo).



**Madrid.**—En la Ateneo klarigos kurson la antikva samideano S-ro Aiza, D-ro pri Eksaktaj Sciencoj; en la Universitato, Pastro Mariano Mojado, D-ro pri Filozofio kaj Beletritiko, tre sperta samideano konata sufiĉe bone de la Esperantistaro.

*Cazalla de la Sierra* kaj *Constantina* (Sevilla). D-ro San Millán, nia sperta kunlaboranto, faris paroladojn pri Esperanto kun grandega sukceso.



**Gijón.**—Ĉi tieaj samideanoj senlace laboradas por progresigi Esperanton, kaj la laboro promesas sukcesi.



**Jerez (Cádiz).**—La Esperantistoj ĉi tie varmeĝe laboradas kaj helpas kadizan samideanon S-ron Flórez por veki denove Esperanton en *Cádiz*.



EKSTERLANDA

*GRAVEGA NOVAĴO.*—Ĵus okazis en Bruselo *Monda Kongreso de Internaciaj Asocioj* kaj la kongresanoj (krom nur unu voĉo por uzado de tri-kvar naciaj lingvoj akceptis senŝanĝe la sekvantan deziresprimon:

«Konstatante la pli kaj pli grandan necesecon de la alpreno de helpa lingvo internacia, la Monda Kongreso de la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj esprimas la deziron, ke ĉiuj personoj, kiuj konsentas pri tiu ĉi neceseco, aliĝu al la grava Esperanta movado por la efektivigo de tiu granda progreso, prokrastante ĉiajn plibonigojn, kiujn oni eble opinius necesaj, ĝis la momento, kiam la lingvo internacia estos oficiale akceptita de la Registaroj.»



En Francujo la publika opinio tre atentas pri nepra neceso havigi al la Industrio, al ĉiu fako nacia, por iliaj interrilatoj kun alilandanoj helpan lingvon, kiu estos dua por ĉiuj; tial, ĉie, en Francujo, vekiĝas entuziasmo lerni Esperanton, ĉar Francoj bone konscias, ke kiu ajn nacia lingvo por tiuj rilatoj estas neebla eĉ pro malfacilaĵoj prezentotaj de tiu, kiun oni akceptos, kaj ke Esperanto sufiĉe perfekte pruvis sian kapablecon, ĉar estas lingvo vivanta de tutmonda popolo.



En Italujo mirinde progresas Esperanto kaj la registaro serioze atentas pri la helpa lingvo internacia kaj interesiĝas ke Esperanto estu enkondukita en la lernejoj de Milano.



La svisa Esperantistaro fortege vekiĝis kaj rekomencis viglan propagandon kiu promesas gravan sukceson tial ke la publiko interesiĝas kun entuziasmo.



En Hungarujo Esperanto iras antaŭen malgraŭ la enlandaj cirkonstancoj malfa-

voraj. Tre bone kaj sukcese oni propagandis dum XI.ª Specimenfoiro en Budapesto. Oni malfermis gravan kurson ĉe la IX.ª policejo, kaj ĝin ĉeestas la policestro kaj subuloj. oficiroj kaj aliaj personoj. La Hungara Laborista Societo vigle agadas kaj tial grupoj novaj fondiĝis kaj kursoj komencîĝis; la H. L. S. helpas alvokon de Germanaj Esp. (F. C. Richter. Sommerfelderstrasse, 44 - Leipzig - Stotteritz. Germanujo) por formi adresaron de Laboristaj-Esperantistoj. Budapestaj skoltoj starigos presoficejon kaj informservon por skoltaj aferoj.



Austriaj Esperantistoj varme agadas: gejunuloj ĉie entuziasme celas refondi gejunularan unuiĝon. En Stirio oni permesis al «Esp-Soc. por Stirio instrui Esperanton en la publikaj lernejoj por pli ol 600 gelernantaj por unujara restado en Hispanujo.



En Germanujo novaj grupoj fondiĝas. En München Esp. Instituton decidis fondi la urba Esperantistaro por komercaj interesoj. Tre malfavoraj ĉirkonstancoj ne estas baro al progreso de Esperanto en ĉi tiu nacio.



En Ĉeĥoslovakujo, S-roj Ing. G. Scholze, prez., kaj Prof. Süsser, reprezentante la Ligon de germanaj Esp. Grupoj, sin prezentis, la 18.an de Junio lasta, al la ministro por instruado kaj nacia kulturo por peti al ĉi tiu enkondukon de Esperanto en la lernejoj de la respubliko; la ministro akceptis la proponon kaj tuj permesis la instruadon de Esperanto en tiuj lernejoj, por kiuj Esp.-instruistoj petos la permeson.

En Saaz paroladis Prof, Süsser antaŭ 120 geinstruistoj pri Esperanto kun bonega sukceso, kaj la urbestraro decidis malfermi la unuan urban Esperanto-lernejon en la respubliko dum Septembro.

Ĉie Esperantistaj Grupoj aktive agadas.



En Anglujo la lasta nacia Kongreso de Esperantistoj bonege elmontris esperantan revekiĝon, kies fruktoj estos abundaj, ĉar nova entuziasmo naskiĝis por sin «dediĉi pli fidele kaj senŝanceliĝe ol iam antaŭe al la sama glora celo, por kiu nia Majstro donis sian noblan vivon.»



Japanaj Esperantistoj preparis la VII.an Kongreson nacian, kiu promesas bonan sukceson. Entuziasmo por kaj pro Esperanto kreskadas rimarkinde, kaj frukto de tiu entuziasmo estas nova gazeto «Verda Utopio».



En Finnlando la Eaperanto Instituto okazigos dum aŭtuna semestro kursojn en la Universitato por laboristoj, mezeinstruitoj, komercistoj, studentoj kaj instruistoj, kaj daŭrigajn kursojn por nemulte studintoj, ĉefe laboristoj, kaj por progresintaj esperantistoj. Ĝi celas kurson elementan por svedlingvaj personoj meze instruitaj.

La nacia movado esperanta sufiĉe bone progresas, ĉar ankaŭ en ĉi tiu lando ekzistas permeso por klarigi Esperanton en la naciaj lernejoj.

---

Oni petas por ĉi tiu revuo raportetojn ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro *Julio Mangada Rosenörn,* Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.º 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

---

# Gazetoj rizevitaj

«Esperanto Triumfonta» de la 30.ª Septembro.

«Córdoba Comercial», Septembro.

«Suda Kruco» (Aŭstralio), Aŭgusto.

«Senhalte» (Slovaklando), Septembro.
«Bulteno de Aplec Esp. Grupo» (Sabadell, Hispanujo), Septembro.
«Esperanto» de U. E. A., Septembro.
«Nova Tempo» (Aŭstrio), Aŭgusto-Septembro.
»Esperanta Finnlando» Septembro.
«Hungara Esperantista», Septembro-Oktobro.
«The British Esperantist», Septembro-Oktobro.
«Literaturo», Julio-Septembro.
«Amerika Esperantisto», Julio-Aŭgusto.
«Le Revuo Orienta» (Japanujo), Aŭgusto.
«La Espero» (Svedujo), Julio-Aŭgusto.

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭ sendo de kotizaĵoj al S-ro *Julio Mangada Rosenörn* JACA (Huesca) *Hispanio. Oni akceptas respondkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn poŝtĝire.* VARBU SUBTENANTOJN.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S. Esvertit. - Vendrell (Tarrogona), Hispanujo.—Deziras korespondadi kun gesamideanoj precipe kun siaj antikvaj gekorespendantoj·

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo).-Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

Gerardo Fernández Pérez.-Deziras korespondadi kun esperantistaj tajloroj pri vesttondarto. Str. Cabestreros, 3, 2.°. Madrid (Hispanujo).

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

S-ro Sidonio Pintado, Bailén, 28, Grupo Escolar. Madrid (Hispanujo). Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava jurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komerçaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

Manuel Escudero deziris interkorespondadi Esperante, strato Mantuano, 111. Madrid (Hispanujo).

S ro Radó Béla. Luĉenec(Ĉeĥoslovakio).—Deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn, poŝtmarko bildflanke, kun ĉiulandaj gesamideanoj. Tuj respondas.

Kapitano Dimitre Gerénof. Str. Hilendar, 8. Sofia (Bulgario).-Deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn, ankaŭ vendas bulgarajn maloftajn. Tuja respondo.

S-ro Armas Pullinen. Johanneksentie, 8. Helsinki (Finnlando).—Interŝanĝas poŝtmarkojn.

S-ro Raoul Holewyek. 32 rue de l' Ourthe. Bruxelles (Belgique).-Deziran interŝanĝi poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn.

S ro Joseph Pumr, Instruisto, Ueaano 14451.ª en Hradel Králové II (Ĉeĥoslovakio). Interŝanĝas postmarkojn po 100-500. Tuja respondo.

Rudolf Schmidt, en Gresten (Aŭstrio).—Interŝanĝas poŝtmarkojn, kolektantoj gin turnu al mi!

Miguel Ribas de Pina, Komandanto de la 10.ª Regimento Artileria, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi hispanajn ilustritajn gazetojn kontraŭ revuoj (nur ilustritaj) aŭ jam legitaj libroj en Esperanta, Franca, Itala kaj Portugala lingvoj.

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid